PENSEO

N-ro 270

apr. / 2014

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 25-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Guozhu (Ĉinujo)



# Akrostika Rimgratulo

al Gerrit Berveling (2014-04-01)




Gratulon sinceran / mi sendas al kara
erudit' sepdek-jara,
rime kun sento / familiara.
Revenas la dat' por / vi neordinara,
impona pro elstara
tempo kun ago / meritofara.
Brilas verda stelo / kaj en Akademio,
en Monato, / Nederlando, / asocio.
Redaktoro / kun senlaca / energio.
Verkisto fama, / tradukisto / de bela / ario
en Antologio
Latina / poezio.
Influas vi / per beletra/ galerio.
Nun invitas / nin aprezi /ĝis ebrio.
Gratulon al vi / en nasktaga / ovacio!

*Noto:*

**La unua strofo estas laŭ ĉinesko Linjiang-xian (Feo ĉe Rivero), unu el ĉinaj fiksformaj poemoj de du strofoj po 5 versoj de 66,7,55 silaboj(kelkfoje kun variantoj), laŭ rimaranĝo x,a,a,x,a (x=senrime)*

***La dua strofo estas laŭ ĉinesko Shuilongyin (Akva Drako), unu el ĉinaj fiksformaj poemoj el du strofoj po 12 versoj de 67,444,444,5433 / 6,34,444,444,544 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xxa,xxa,xxxa / a,xa,xxa,xxa,xxa (x= senrima)*

## Anteo (Ĉinujo)



# Laŭmoda vesto

surhavante ĉifonaĵojn nur pentritajn mi
promenis
sur strato plena de koloraj homoj.
enviaj okuloj min postkuris kvazaŭ modelinon.
forlavis la farbojn pluvo; ĉiuj kriis: ho,
skeleto!

# Jam estas malfrue por bedaŭri

dum la juneco nigra-blanka,
ĉiuj revoj estis decaj sur la reloj.
kiel pura ĝentilviro,
nun mi ofte sonĝas ke belino min perfortas.



# Novaĵo

varme nudiga estas tago de julio.
neĝo kovras verdajn branĉojn.
senvesta siestas viro sur hamako.
ino en pelta jako melkas lin kvazaŭ kaprinon.

# Vivo kun sukubo

ijk amigis min kaj ŝin, kaj nin uk geedzigis.
kiel fotisto-pentristo mi esploras ŝian korpon;

ŝi, dum tridek jaroj, mian koron estante spiono.
ho, en miaj versoj ŝi jam trovas nur sukon kun
kubo.

## Nazaré Laroca (Brazilo)



### Raviteco

Mirindas trezor'
en la urbocentro
de Florianopol':
la figarb' jarcenta,
majstroverko dia.

Majesta vizio
plej sorĉe orkestras
vortan simfonion.

Ĝin dolĉa ŝtonar'
ĉirkaŭronde festas
kaj silente laŭdas...
L' anim de l' poet
pro raviĝo ekploras.

29/01/2014

### Somera luno

La luno ekfloras
per volupta lumo
kaj la mam' trembrilas
je montro matura
en aspiraj silkoj
kaj mutaj deziroj.

14/02/2014

## Mori (Usono)



### Problemo

Vizaĝe al
problemo
NUR pri ĝia solvo
**Pensu**!
Tamen se solvo mankas
la Problemon
**FORGESU**!

### Laboro

Espero
kun laboro
Kondukas al
**PROSPERO**;
paradizo sur la tero!

Espero
SEN laboro
kondukas al
**DESPERO**;
La surtera infero!!



### Nur tie

Tie, kaj nur tie
Neniam aperas tirano,
Kie iu ajn persono
sur la plej alta posteno
Ne estas kvazaŭ sanktulo
Nek aparte valora persono
Kaj homoj
Samkiel hundoj
Ne skuas siajn vostojn
Pro peco de osto
Kaj oni pro posteno,
Mono, aŭ pano
Ne konkuras esti sklavo,…

*

Nur tie, kaj nur tie
Neniam aperas tirano!



## Cezar (Germanujo)



### Verda feino

Mi estis ŝin trovinta
pro ŝia delikat'.
Ŝi gustas, nu, absinta,
feina surogat'.

Sed ĉu vi pli civilas,
ha, nova amatin'?
Vi, bela, tuj ekbrilas,
se mi brakumas vin.

Mi estas ŝin trovinta
pro ŝia dolĉa svat'.
La voĉo glugle tinta
sklavigis min pro ŝat'.

Mi volas ne mensogi
pri tiu verda fe'.
Ŝi sciis min forlogi
en ruĝa muelej'.



***P.S.:*** *En kelkaj landoj la trinkaĵo estas ankoraŭ nun malpermesita. Pro bona kaŭzo, verdaj feinoj estas danĝeraj.*

## Petro Palivoda (Ukrainio)



### Sendormeco

mi vekiĝis pro bruo kaj tondro
sed briletis per steloj ĉielo
lun arĝenta rigardis fenestron
ĝis maten‘ mi ne povis ekdormi
tio estis ne fulmotondro

### Versaĵo

mi disŝiros
mian versaĵon
je multaj pecetoj
vortoj
rimoj
kaj epitetoj
kaj ĉio
kio estis en ĝi
disflugu
tra la tuta tero
vi provu ĝin rekuniĝi
kunglui
kaj legi
eble vi min
komprenos

### Sentitole

Mi perdis min en homamaso
apud elirejo metroa,
ĉar ĉiam mi estis ja fisenatentulo
kaj krome malobeemulo,
ĉu eblis min paŝti ĝisfine?
Puŝiĝis mi longe kaj kriis,
sed ĉio vanis,
kaj poste iu ŝajne renkontis
vireton povran
kun desegniĝinta ventreto,
kun sakoj sub lacaj okuloj
kaj preskaŭ senharan -
Li staris kutime sola.
Al mi oni diris, ke li estas mi,
kaj oni sendube pravis,
sed mi ne konsentas,
ĉar eble troviĝos
pli bona iu.



## Paŭlo Silas (Brazilo)



# MANĜI LA PROPRAN KORON

Sub jarcenta palaco-arko,
Duminuta facila tasko.
Ĉar mimik' malsufiĉis tute,
Ekparolos kaj krios multe.

Tradicio kaŭranta lerte.
Man' ĉe mano insistas krede,
Ke l' justec' plenumiĝu tute.
Buŝ' verama sanktiĝas mute.

Kaverneca gorĝ' alparolas
Dum la dentoj la langon voras.
Harstariga indiferento.
La oreloj ne kaptas senton.

Dorsdirekten okul' turniĝas
Por konstati, ĉu cerb' sufiĉas.
Du junuloj promenas kune,
Maljuniĝas la histoj dume.

Bonintenca ridet' infana
Sur afiŝo rasisme flama.
Teori' mallogika regas.
Hombuĉad', pravigite, ekas.

Pied' paŝas sur pinglo-lito.
Pek' gepatra, sed kulpa ido.
Kaj ignori doloron ajnan.
Grand', normalo, malgrando kaj
nan'.

Mi komprenas problemon vian;
Sed, atendu, mi solvas mian...
Ĉu real', kruelega, estas?
Socieme, la homoj bestas.

Ni konstruas, en maro, muron
Por enteni la ond-ululon.
Se jam buŝo sanktiĝis mute,
Nun en kaĝ' de zo' sidu surde
Komputilmensa homfiguro.
Tie ĝuos ĝi la sekuron
De interndirektita sino.
Interparoli fariĝis krimo.
Kaj atenti, neeblas plu:
Nin satigas la sekura ĝu'.



## Ignacio Canut kaj Carlos Berlanga

(kantteksto)

# Ne mezuru

La homoj min kritikas
klaĉante sen modero,
ofendas min publike,
mi fajfas kun fiero.

Mi homas ja per propra karaktero,
sen sindevigoj kaj en libero.

Mi vere ĝenas ĉiujn
per aŭro de misfamo,
torture ronĝas ilin
envio kaj malamo.

Nu, kial ve,
la mondo min akuzas,
ĉu mia vivo ĝin konfuzas?

Nepre mi decidu do la vivon
kiun mi deziras ja por mi.

Do ne mezuru
kion mi diras.
Do ne mezuru
kion mi faras.
Mi estas mi
kaj kondutos plu
same kiel nun.

Do ne mezuru
kion mi diras.
Do ne mezuru
kion mi faras.
Mi estas mi
kaj kondutos plu
same kiel nun.

Ja eble nur mi kulpas
pro mia ribelemo,
sed estas tro malfrue
por ŝanĝo de la memo.

Mi tenu min ĉe mia opinio
flegante mian reputacion.

Nepre mi decidu do la vivon
kiun mi deziras ja por mi.

Do ne mezuru
kion mi diras.
Do ne mezuru
kion mi faras.
Mi estas mi
kaj kondutos plu
same kiel nun.

Do ne mezuru
kion mi diras.
Do ne mezuru
kion mi faras.
Mi estas mi
kaj kondutos plu
same kiel nun



*Tradukis*



**Svena Dun (Hispanujo)**

## Wallace Stevens (1879-1955)



## Dek tri manieroj rigardi merlon

1
Inter dudek neĝaj montoj,
La sola moviĝanto
Estis l' okulo de l' merlo.

2
Mi havis tri mensojn,
Kiel arbaro
En kiu estas tri merloj.

3
La merlo turniĝis en la aŭtunaj ventoj.
Ĝi estis malgranda parto de la pantomimo.

4
Viro kaj virino
Estas unu.
Viro kaj virino kaj merlo
Estas unu.

5
Mi ne certas kiun preferi,
Ĉu la belecon de intonacio
Aŭ la belecon de implicado.
La merlon fajfantan
Aŭ tuj poste.



6
Glacio pikis la longan fenestron
Per barbara vitro.
La ombro de la merlo
Transpasis ĝin, tien kaj reen.
La humoro

Spurita en la ombro
Estis nemalĉifrebla kaŭzo.

7
Ho maldikaj viroj de Haddam*,
Kial vi imagas orajn birdojn?
Ĉu vi ne vidas, ke la merlo
Paŝas ĉirkaŭ la piedojn
De la virinoj ĉirkaŭ vi?

8
Mi konas noblajn akcentojn
Kaj lucidajn, neforkureblajn ritmojn;
Sed mi ankaŭ scias
Ke la merlo formas parton
De kion mi scias.

9
Kiam la merlo forflugis el vido,
Tio markis la randon
De unu el multaj cirkloj.

10
Je la vido de merloj
Flugantaj en verda lumo,
Eĉ la putinoj de eŭfonio
Akre krius.

11
Li veturis trans Konektikuton
En vitra ĉaro.
Iam timo ponardis lin.
Tiam li miskredis
Ke la ombro de sia veturilo
Estis merlaro.

12
La rivero moviĝas.
Devas esti ke la merlo flugas.

13
Vesperis la tutan posttagmezon.
Neĝis
Kaj estis neĝonte.
La merlo sidis
En la cedrobranĉoj.

*Haddam: urbo en Konektikuto*

*Esperantigis*



**Catherine B. Krause (Nederlando)**

## Shefqete GOSALCI




Portas mi sur la kolo
La malplenigitan medalon
Deziras mi esti tero
Kaj mi ĝermigi ĉion

Inter la sopiro kaj fajro
La rivero liton faru
Por ke refreŝigu la baladbrusta bravulo
Kiu nur al mi kaj Libero apartenu

La tero plendas al avino
Pro grandaj naskoj kaj mortoj
Per sango koloriĝas la violeto
Por ke albane odoru la sezonoj

La amo la envion forpelas
Kion forprenas ĝi ne plu redonas
Sur la brustoj ni ja dancas
Mi la koran ritualon aŭdas

Sub la medalo
La tero eklarmiĝas
Kaj la ŝtono tremlipe balanciĝas



**Premiero**

Per fulmoj kaj batoj ni parolas
La sama melodio kaj violono
Kaj same tio refrenas

En la sama konko

La sama perlo
Kaj la sorto
Kaŭras la silento
En la de miliono da piedoj placo

La kulpa diablo sin mortigas
Per la vinbotelo
Ŝima vino el la pasinta jarcento
enverŝiĝas
La nokto ŝmiras la vizaĝon per urtiko

Per nostalgio gardante
Kaj per la aŭroro atestante
Nude la kristalajn glasojn ni rompas
Premieron ni al la nokto spektaklas.
*Esperantigis*



**Bardhyl Selimi**

**(Albanio)**

## Jean Zay (1904-1944)



## La Flago

*(poemo verkita en 1924 pri la unua mondmilito)*

Ili estas mil kvincent miloj mortintaj pro tiu aĉaĵo.
Mil kvincent da miloj en mia lando, dekkvin milionoj en la plena landaro.
Mil kvincent miloj da mortoj, Dio !
Mil kvincent miloj da mortintaj viroj por tiu trikolora putraĵo...
Mil kvincent miloj, el kiuj ĉiu havis unu patrinon, unu amantinon,
Infanojn, domon, vivon, esperon, koron...
Kio estas tiu ŝtofaĉo por kiu ili mortis ?
Mil kvincent miloj, Dio !
Mil kvincent miloj da mortintoj por tiu ĉi aĉaĵo.
Mil kvincent milo elventritaj, dispecigitaj
Neniigitaj en la sterko de iu batalkampo,
Mil kvincent miloj, kiuj NENIAM plu aŭdos
Kiujn iliaj amantoj revidos NENIAM.
Mil kvincent da miloj putrintaj en iuj tombejoj
Sen tabuloj kaj sen preĝoj...
Ĉu vi ne ja vidas, kiel ili estis belaj, decidaj, feliĉaj
Vivi,
Kiel iliaj rigardoj ja brilis, kiel iliaj edzinoj ilin amis ?
Ili nun estas nenio pli ol putraĵoj...
Por tiu fiega ĉifoneto !
Terura peco da teksaĵo ligita al via stango, mi malamas vin terure,
Jes, mi malamas vin kun la tuta animo, mi malamas vin pro ĉiuj la mizeroj, kiujn vi kuntrenas,
Mi malamas vin je la nomo de la skeletoj ….
Ili estis mil kvincent da miloj,
Mi malamas vin pro ĉiuj, kiuj salutas vin,
Mi malamas vin pro la furzuloj, la fekuloj, la groŝoputinoj,
Kiuj trenas en la koto siajn ĉapelojn antaŭ via ombro,
Mi malamas per vi la tutan je jarcentoj aĝan subpremon, la bestia dio,
Defio al la homoj, kiujn ni ne kapablas esti.
Mi malamas viajn malpurajn kolorojn, la ruĝo de ilia sango, la blua sango, kiun vi ŝtelas de la ĉielo,
La blanko livida de viaj pentoj.
Lasu min, malnobla simbolo, plori sole, ploregi
La mil kvincent da miloj da junuloj, kiuj mortis.
Kaj ne forgesu, malgraŭ viaj generaloj, via orumita fero kaj viktoroj,
Ke vi estas por mi el la fia raso de la pugtruotukoj.
*Esperantigis*



**Roland Platteau (Francujo)**

# Ĉineske

## Jadranka Miric (Serbujo)



### Leono, taŭroj kaj vulpine

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Leono
observis tage
taŭrojn. Kiom da viand'!
Satmanĝos li senpage
idojn senage.

La taŭroj
vivis senzorge.
Ili kuniris ĉie.
Eĉ faris amprizorge
domon. Tutzorge.

Unuec'!
Kia konkordo!
Disigu ilin, bestoj.
Ariĝu jen laŭ ordo.
Eĥis "en ordo".

Ĵus venis
vulpino ruza.
Akceptis planon, fian..
Atakis ŝi konfuza
kaj tre ĵaluza.

Batalo
vea kaj kruela.
Por la taŭroj perdita.
Venkis trompo miela.
Kredo ĉapela.

Moralinstruo
Malharmonio ĉion neniigas. Fratoj laŭ kredo kaj kulturo devas esti konkordaj aŭ oni ĵetas sin en abismon—en leonobuŝon

*adaptita fablo el kolektaĵo de la serba klerigisto kaj reformisto Dositej Obradoviĉ (1742-1811)*

### Ĉevalo kaj Lupo

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Jen lupo
maljuna, griza.
La vivo lernigis ĝin.
Viv' ĝia paradiza
ofte surpriza.

Ĉevalo
sur verda herbej'
trankvile paŝtanta sin.
Ekrimarkis lupon, hej!
Nova enfalej'!

Ĉevalo
ekkriis jene
dolorego terura..
Helpu min, ĉi-matene.
Henis ĝi pene.

Lignero
ĵus trapikis min.
Nu, dente, eltiru ĝin!
Tuj hufobat' sekvis sin
sur lupbuŝon. Fin'!

*adaptita el la kolektaĵo de la serba reformisto Dositej Obradoviĉ (1742-1811)*

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Catherine B. Krause (Nederlando)

### Amikeco ne estas dieca

—laŭ ĉinesko Nangezi*

Ĉiu pradio,
laŭ sci' legenda
en Japani' konenda,
estiĝis kiel nedependa.

Ofte mi volas
mem unuopi,
izole mizantropi
por doloron animan ŝtopi.

Sed mi ne dias...
do kun konatoj
multopas en rilatoj,
unu ar' de homaj gefratoj.



**Nangezi (Suda kanto): ĉina fiksforma poemo el 4 versoj de 55,7,9 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,a,a (x=senrima)*

## Vejdo (Ĉinujo)



### Blanka lilio

—laŭ ĉinesko Changxiangsi*

Sunradi'
de magi'
ĝenas dormon de lili'
en sonĝa ebri'.

Blanka stri'
larĝas pli
en floron de fantazi'
sur verda foli'.

2014-01-09

**Changxiangsi (Longa sopiro): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po kvar versoj de 3, 3, 7, 5 silaboj kun kontinua rimo.*

## Maupassant (1850-1893)



### LA KAPTITOJ

**(II)**

Ili faris nenian bruon, enfermitaj ene kvazaŭ en solida skatolo, skatolo el ŝtono, ricevante aeron nur per kelluko garnita per feraj solidaj stangoj.

Senprokraste Bertina revigligis sian fajron, super remetis sian marmiton, kaj refaris supon murmurante :

- La patro estos laca, kiam li revenos ĉi-nokte.

Poste ŝi sidiĝis kaj atendis. Nur la sonora balanciero de la granda horloĝo aŭdigis sian regulan tiktakon.

De tempo al temo, la juna virino ekrigardis la ciferplaton, kun malpacienca rigardo, kiu ŝajnis diri :

- Tio ne rapidas.

Sed baldaŭ ŝajnis al ŝi, ke oni murmuris sub ŝiaj piedoj. Konfuzaj kaj mallaŭtaj paroloj alvenis al ŝi tra la masonita volbo de la kelo. La Prusoj komencis diveni ŝian ruzon, kaj baldaŭ la suboficiro supreniris la malgrandan ŝtuparon, kaj venis pugnofrapi kontraŭ la klappordo. Li denove kriis :

- Malfermu.

Ŝi leviĝis, alproksimiĝis al la klappordo, kaj imitante lian akcenton diris :

- Kion vi atendas de mi ?

- Malfermu.

- Mi ne malfermos.

La viro incitiĝis :

- Malfermu aŭ mi frakasos la pordon.

Ŝi ekridis :

- Frakasu, mia ulo, frakasu, mia ulo.

Kaj li komencis frapi per la kolbo de sia fusilo kontraŭ la klappordo el kverko, fermita super sia kapo. Sed ĝi rezistus al batoj de katapulto.

La arbaristino aŭdis lin remalsupreniri. Poste la soldatoj, unu post la alia, venis provi sian forton kaj inspekti la fermon. Sed juĝante sendube iliaj provoj neutilaj, ĉiuj remalsupreniris en la kelon, kaj denove ekreparolis inter ili.

La juna virino aŭskultis ilin, kaj poste ŝi iris malfermi la eksteran pordon, kaj ŝi streĉis la orelon en la nokto.

Malproksima bojado alvenis al ŝi. Ŝi ekfajfis, kiel farus ĉasisto, kaj preskaŭ tuj du gigantaj hundoj ekaperis el la ombro kaj kapriolante eksaltis sur ŝin. Ŝi ekkaptis ilin per la kolo, kaj firme tenis ilin, por malebligi ilin kuri. Poste, per ŝia tuta forto, ŝi kriis :

- Hoj patro !

Voĉo, ankoraŭ tre malproksime, respondis :

- Hoj Bertina.

Ŝi atendis dum kelkaj sekundoj, kaj rekriis :

- Hoj patro.

La voĉo, pli proksima, ripetis :

- Hoj Bertina.

La arbaristino rediris :

- Ne trapasu antaŭ la kellukon. Estas Prusoj en la kelo.

Kaj bruske, staranta inter du arbtrunkoj, la granda silueto de la maljunulo desegniĝis maldekstre. Maltrankvila, li demandis :

- Prusojn en la kelo, ĉu ? Sed kion ili faras ?

La juna virino ekridis :

- Estas la Prusoj, kiuj venis hieraŭ. Ili devojiĝis en la arbaro, mi metis ilin en malvarman lokon, en la kelon.

Kaj ŝi rakontis al li la aventuron, kiel ŝi timigis ilin per revolverpafoj kaj enfermis ilin en la keleto.

La maljunulo, ĉiam digna, demandis :

- Sed kion vi volas, ke mi faru kun ili je tiu horo ?

Ŝi respondis :

- Iru serĉi S-ron Lavito kun lia roto. Li militkaptos ilin. Kaj li estos kontenta.

Kaj la ulĉjo Piŝo ekridetis :

- Estas vere, ke li estos kontenta.

Lia filino reparolis :

- Mi faris supon por vi, manĝu ĝin rapide kaj poste reforiru.

Metinte surplanken du plenigitajn telerojn por siaj hundoj, la maljuna gardisto altabliĝis kaj ekmanĝis sian supon.

La Prusoj, aŭdante parolojn, silentis.

Post unu kvaronhoro Stilzo reforiris. Kaj Bertina, tenante la kapon inter la manoj, atendis.

La kaptitoj reekis moviĝadi. Nun ili kriis, alvokis, batis senĉese per furiozaj kolbobatoj la neŝanceleblan klappordon de la keleto.

Poste ili ekpafis per siaj fusiloj tra la kelluko, esperante sendube, ke germana taĉmento, kiu patrolus proksimume, aŭdus ilin.

La arbaristino ne moviĝadis plu ; sed tiu tuta bruo nervozigis ŝin, incitis ŝin. Malica kolero vekiĝis en ŝi ; ŝi volus murdi ilin, la fiulojn, por silentigi ilin.

Poste, ŝia senpacienco grandiĝante, ŝi ekis rigardi la horloĝon, nombri la minutojn.

La patro foriris jam de antaŭ unu horo kaj duono. Nun li atingis la urbon. Ŝi kredis vidi lin. Li rakontis la aferon al S-ro Lavito, kiu paliĝis pro emocio, kaj sonorigis sian servistinon, por ke ŝi donu al li lian uniformon kaj liajn armilojn. Ŝajnis al ŝi, ke ŝi aŭdu la tamburon kurante tra la stratoj. La kapoj, konsternitaj, aperis ĉe la fenestroj. La civitanoj-soldatoj eliris el siaj domoj, apenaŭ vestitaj, spirmankaj, bukante siajn soldatajn zonojn, kaj kurpaŝe foriris al la domo de la majoro.

Poste la roto, kun Stilzo ĉe la kapo, ekiris en la nokto, en la neĝo, al la arbaro.

Ŝi rigardis la horloĝon : " Ili povos esti ĉi tie post unu horo. "

Nerva malpacienco invadis ŝin. La minutoj ŝajnis al ŝi longedaŭraj : " Kiom tio estis longa ! "

Fine la horo, kiun ŝi definis pri ilia alveno estis indikita per la horloĝo. Denove ŝi malfermis la pordon por aŭskulti ilin veni. Ŝi ekvidis ombron marŝante kun singardo. Ŝi timis, eligis krion. Estis ŝia patro. Li diris :

- Ili sendas min por vidi, ĉu io estas ŝanĝita.

- Ne, nenio.

Tiam en la nokton, li eligis longdaŭran kaj akre siblan fajfilosignalon. Kaj baldaŭ, oni vidis ion brunan, kiu malrapide venis sub la arboj. Estis la avangardo, kiu konsistis el dek viroj.

Stilzo senĉese ripetis :

- Ne trapasu antaŭ la kellukon.

Kaj la unuaj alvenintaj montris al la novaj venantaj la timindan kellukon.

Fine la ĉefa parto de la roto montriĝis, tute ducent viroj, kunportante ĉiu ducent kartoĉojn.

S-ro Lavito, agitiĝanta, tremetanta, aranĝis ilin tiamaniere ĉirkaŭi ĉiuflanke la domon, lasante larĝan liberan spacon antaŭ la malgranda nigra truo, samnivele kun la grundo, tra kiu la kelo estis ventolata.

Poste, li eniris en loĝejon, kaj informiĝis pri la forto kaj la sinteno de la malamiko, kiu fariĝis tiom muta, ke oni povus kredi, ke ĝi malaperis, svenis, forflugis tra la kelluko.

S-ro Lavito piede frapis kontraŭ la klappordo kaj vokis :

- Sinjoro la prusa oficiro !

La Germano ne respondis.

La majoro revokis :

- Sinjoro la prusa oficiro !

Tio estis vana. Dum dudek minutoj li minacordonis tiun silentan oficiron kapitulaci kun armiloj kaj bagaĝoj, promesante ŝpari la vivon kaj la militajn honorojn al li kaj liaj soldatoj. Sed li obtenis nenian signon pri konsento aŭ malamikeco. La situacio fariĝis malfacila.

La civitanoj-soldatoj tien-reen iradis en la neĝo, frapis al si la ŝultrojn per grandaj brakbatoj, kiel faras la koĉeroj por varmigi al si la korpon, kaj ili rigardis la kellukon kun grandiĝanta kaj infana deziro trapasi antaŭ ĝi.

Fine unu el ili, iu nomita Vinpoto, kiu estis tre fleksebla sin riskis. Li elanis kaj kurante kiel cervo trapasis antaŭ la kellukon. La provo sukcesis. La kaptitoj ŝajnis mortintaj.

Voĉo kriis :

- Estas neniu.

Kaj alia soldato trapasis la liberan spacon antaŭ la danĝera truo. Tiam tio fariĝis ludo. Minuton post minuto, viro impetis, pasis de unu grupo al alia, kiel faris la infanoj, kiam ili barludas, kaj li ĵetis malantaŭ si ŝprucaĵojn de neĝo, tiom li vigle svingis la piedojn. Por varmiĝi oni ekbruligis grandajn fajrojn el morta ligno, kaj la profila silueto de la kuranta soldato aperis iluminata dum tiu rapida vojaĝo de unu aro al alia.

Iu kriis :

- Je vi, Malŭazo. Malŭazo estis dika panisto, kies ventro estis la mokado de liaj kamaradoj.

Li hezitis. Oni mokis lin. Tiam, rezignaciante li ekiris, laŭ regula kaj spirmanka kurpaŝeto, kiu skuis lian ŝveletan ventron.

La tuta taĉmento ridegis. Por kuraĝigi lin oni kriis :

- Brave, brave Malŭazo !

Li estis alveninta ĉirkaŭ je la du trionoj de sia kurso, kiam longa flamo, rapida kaj ruĝa, elŝprucis el la kelluko. Eksplodbruo sonoregis, kaj la dikega panisto surnazen falegis kun terura krio.

Neniu impetis por lin sukuri. Tiam oni vidis lin kvarpiede sin treni ĝemante en la neĝo, kaj kiam li estis ekstere de la terura pasejo li svenis. En la pli karnodika parto, supre de la femuro, li enhavis kuglon.

Post la unua surprizo, kaj la unua teruro, nova rido eksplodis.

Sed la majoro Lavito aperis sur la sojlon de la arbaristejo. Li ĵus findecidis sian atakplanon. Per sonorega voĉo li komandis :

- La zinkisto Planŝo kaj liaj laboristoj.

Tuj tri viroj alproksimiĝis.

- Malfiksu la tegmentajn kanaletojn de la domo.

Kaj post unu kvaronhoro, oni alportis al la majoro dudek metrojn de tegmentaj kanaletoj.

Tiam li farigis, kun multe da singardemaj zorgoj, malgrandan rondan truon ĉe la bordo de la klappordo, kaj aranĝiginte, kun la tegmentaj kanaletoj, akvodukton de la pumpilo al tiu aperturo, li deklaris kun ravita mieno :

- Ni tuj regalos per bona akvo sinjorojn la Germanoj.

Furioza hura pro admiro eksplodis postsekvata de ĝojaj hurladoj kaj frenezaj ridoj. Kaj la majoro organizis laborplotonojn, kiuj laŭvice pumpos ĉiuj kvin minutoj. Poste li komandis :

- Pumpu.

Kaj la fera inercirado de la pumpilo ekaktivigis, eta bruo glitis laŭlonge de la tuboj, kaj baldaŭ falis en la kelon, ŝtupon post ŝtupo, kun rivera murmuro, murmuro de kaskado.

Oni atendis.

Unu horo fluis, poste du, kaj tri.

La majoro, febra, promenis en la kuirejo, algluante de tempo al tempo orelon surplanken, serĉante diveni, kion faris la malamiko, demandante al si, ĉu baldaŭ ĝi kapitulacos.

Nun la malamiko agitiĝis. Oni aŭdis ĝin movi la barelojn, paroli, plaŭdi.

Poste, ĉirkaŭ la oka matene, voĉo eligis el la kelluko.

- Mi volus paroli al sinjoro la franca oficiro.

Lavito respondis, de la fenestro, ne tro eksteren antaŭenmeti la kapon :

- Ĉu vi kapitulacas ?

- Mi kapitulacas.

- Tiam, pasigu la fusilojn eksteren.

Kaj senprokraste oni vidis eliri armilon el la truo, kaj fali en la neĝon, poste du, tri, ĉiujn armilojn. Kaj la sama voĉo deklaris :

- Fusilojn mi ne havas plu. Rapidu, mi estas dronanta.

La majoro komandis :

- Ĉesu.

La inercirado de la pumpilo refariĝis senmova.

Kaj, pleniginte la kuirejon per soldatoj, kiuj militprete atendis, li levis malrapide la klappordon el kverko.

Kvar kapoj aperis, malsekaj ĝisoste, kvar blondaj kapoj kun longaj helaj haroj, kaj oni vidis eliri, unu post la alia, la ses Germanojn, frostotremantajn, flutantajn, konsternitajn.

Ili estis tuj kaptitaj kaj premligitaj. Poste ĉar oni timis surprizon, oni reforiris senprokraste, per du aroj, unu kondukante la kaptitojn, kaj la alia kondukante Malŭazon, kuŝitan sur matraco metita sur stangoj. Ili triumfe revenis al Rethel.

S-ro Lavito estis ordenita pro esti kaptinta prusan avangardon, kaj la dika panisto ricevis la militan medalon pro vundo trafita antaŭ la malamiko.

La 30-an de decembro 1884

Elfrancigis

**Noĉjo Lagrafo (Francujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_